

Año III (N.° 34)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 10

OCTUBRE 1951

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

## RESPONSABILIDAD

**En el siglo de la radio y la aviación, toda persona con sentido común reconoce que la diversidad de idiomas es una rémora para el progreso y un gran obstáculo para la causa de la paz. Aunque parezca mentira, en el terreno lingüístico, lejos de progresar, se fué retrocediendo, desde que, poco a poco, se fué abandonando el latín, que, mejor o peor, sirvió como instrumento de comprensión internacional en tiempos pasados, y, aunque imperfecto hoy para las exigencias modernas, sería preferible, desde luego, a la total carencia de un idioma auxiliar.**

**Al aparecer el Esperanto, como perfecta solución al caos idiomático, lógica hubiese sido su inmediata y total adopción por parte de quienes tenían la obligación de imponer tan maravilloso instrumento de comunicación en el comercio, la diplomacia, el turismo y las relaciones científicas.**

**No fué así, y en años sucesivos, tan solo tímidos y parciales apoyos ha merecido por parte de gobiernos, autoridades académicas y entidades culturales oficiales. Como causa esencial de tan crasa indiferencia, tan solo podemos invocar a la ingente fuerza que llamamos rutina. En efecto, la única vez que un organismo rector ha pretendido seriamente estudiar el asunto del idioma auxiliar fué en tiempos de la extinta Sociedad de Naciones y el veredicto de la Comisión de Enseñanza no pudo ser más favorable al Esperanto. Sin embargo, gobiernos, academias y entidades superestatales siguen, en su gran mayoría, en el marasmo idiomático, como si la solución del problema ni siquiera se hubiese enfocado. Hemos de reconocer que este estado de ignorancia es sumamente vergonzoso, y denota bien poco interés por el progreso y por el ahorro de dificultades, tiempo y equívocos. Si vergonzoso es que los jefes de estado tengan que recurrir a intérpretes para sus más íntimos conciliábulos, que los hombres de ciencia hagan el más espantoso de los ridículos en esas reuniones hueras que se llaman congresos, y que los comerciantes se vean continuamente enfrentados a las falsas interpretaciones de una traducción infiel, mucho más vergonzoso es el hecho de que todo ello ocurre por culpa de la indolencia más supina, puesto que el remedio, sencillo, eficaz y comprobado, existe desde hace más de sesenta años. Si a estas alturas existiese un médico que ignorase la existencia de la penicilina, o que pusiese reparos en utilizar la aureomicina, sería acreedor, no solo a la burla de todo el mundo, sino a la persecución legal, por imperdonable ignorancia de su obligación.**

**Ahora bien: ¿Es que tan solo son culpables los individuos por negligencia? ¿Acaso no pecan por descuido imperdonable los organismos rectores, en defensa de la salud, de la seguridad y de la cultura? Pues, descuido —y no pequeño— es este del problema lingüístico, que estando ya resuelto, permanece sin aplicación, y que, cuando al fin se sancione, no será por la previsión de los altos organismos, sino por la imposición de la masa, única fuerza a la que se rendirán los que debieron anticiparse, sirviendo a la masa este vehículo de comprensión internacional que, a la disposición de todos, ya existe y cuyo alcance tan solo puede medirse por su inmensa necesidad, tanto mayor cada día. En el futuro, seguramente, cuando todos gocen de su utilización, considerarán, con extraño estupor, como pudieron transcurrir décadas y más décadas, sin aprovechar el maravilloso lenguaje creado por el inolvidable Dr. Lázaro Ludovico Zamenhof**

**Neniel ni atendu pasive la tagon, kiam Esperanto estos oficiale ◆ ◆ akceptata en la tuta mondo. Tio jam okazos siatempe! ◆ ◆**

Nia devo estas nun aktive instruadi la lingvon, kaj por tio la vintra sezono venas tre oportune. Tial do, tie, kie esperantisto ekzistas, nepre devas stari unu kurso post alia. Ek' al la laboro!

# LA FAKULTATO DE KLASIKAJ HUMANISMOJ
## en la Pontifika Universitato de Salamanko

Jam estas la kvara Somera Kurso de tiu ĉi Fakultato, kiu ankaŭ funkciis en ordinara jarkurso. Mi konas ĝin intime kaj tiel rajtas paroli pri tiu alta kultura institucio. Post du someraj «kursetoj» oni inaŭguris la grandan verkon, kiu preparas profesorojn por Latina kaj Greka lingvoj. En Francujo, Anglujo kaj Germanujo, mi konstatis profundan respekton al tiuj fontoj de l' humanismo, el kiuj oni ĉerpis jam antaŭ longaj jarcentoj la esencon de la homa progreso. Ne ĉio en latina aŭ greka literaturoj estas inda humanismo, ĝi tamen trovas tie ĝian plej puran bazon, kaj sufiĉas rememori la fakton, ke la Katolika Eklezio alproprigis la Latinan, kiel internacian lingvon, en kiu oni preĝas ĉiutage kaj (bedaŭrinde, forlasite en nia jarcento) en kiu interkorespondadis la kleruloj de la tuta mondo. Tamen, la *patrino* de la latina kulturo estas la plastika belsona Greka lingvo, el kiu oni prenas la radikojn por la novaj eltrovoj de la Tekniko, tiu petola infano, kiun homaro devas ankoraŭ eduki.

La Dekano de la Fakultato, pastro Jozefo Guillén, estas eminenta specialisto en la verkaro de Cicerono, kaj li publikigis librojn, kiuj mirigis la internacian kritikon.

Ne nur oni lernas en la Fakultato la klasikajn lingvojn sed ankaŭ Filologion, Historion, Sanskriton, vivantajn lingvojn, Arkeologion, Paleografion... en kvar densaj kursoj, kiuj kronas la verkon por doktora titolo de altrangaj lernantoj (por komenci la fakultaton, ili devas esti jam profesoroj de Latina aŭ Greka lingvoj) kaj tiel renoviĝas la gloro de Salamanko, kies nomo resonis kiel pinto de hispana universitata kulturo. Lastan someron nia samideano, la jezuito Rocha, paroladis en la Pontifika Universitato pri Esperanto, kaj sekve efektiviĝis dumvintre, kun sukceso, la libera studo de nia kara helpa lingvo.

**FELIKSO DIEZ MATEO** (Salamanko)

## MALGRANDAJ DOZOJ

- Ordinare, en kilogramo da mara akvo troviĝas 35 gramoj da salo.
- Fama okulisto opinias, ke ĉiu cigaro estas granda malamiko de la vidkapablo.
- Sed, la sukero efikas bone por la haŭto.
- Ankaŭ la spinacoj estas plej taŭgaj por plibeligi la koloron de la haŭto.

ONI KONSIDERAS LA HOMAJN AGOJN LAŬ LA GRADO DE SUFERO AŬ PLEZURO, KIUN ILI HAVIGAS. *Anatole France*

# BONHUMORA ANGULO

***Jen, la fama advokato, S-ro Klem, salutas vin tra la fenestreto de la Bonhumora Angulo, kun promeso rakonti iom post iom siajn aventurojn.***

## IOM DISTRIĜEMA...

La advokato S-ro Klem supreniris sur la arta ŝtuparo de la Justeca Palaco, kie li solvos profesian aferon. En la unua etaĝo, nia protagonisto paŝis antaŭ giganteca spegulo, kiu nature spegulis lin. Li rigardis sian propran bildon, kvazaŭ konatan personon, kaj afable li salutis sin mem. La spegulata bildo redonis la saman afablan saluton. S-ro Klem venis en la duan etaĝon kaj solvis sian taskon. Sed, tiam li memoris pri la identigo de tiu simpatia sinjoro, kiu salutis lin en la unua etaĝo, sed ĵus tiam, li ne sciis kiel ambaŭ interkonatiĝis, kaj daŭre li cerbumis serĉante la kialon.

Kelkajn horojn poste, nia amiko frapetis sian kapon manplate kaj ekdiris:

—Feliĉe mi rememoras, kiu estas li! tiu sinjoro estas la kliento, kiu nepre ĉiam koincidas antaŭ mi en la sama razejo!

**EMILIO PRADES**

Vidvo, patro de du filoj, reedziĝis kun vidvino, ankaŭ patrino de pliaj du filoj. Post konvena tempo, la familio estis kompletigata per paro da belaj ĝemeloj. Iun tagon, kelkajn jarojn poste, la edzino eniras en la kontoron de sia edzo dirante:

—Venu meti ordon hejme, ĉar viaj filoj kaj miaj filoj kverelas kun niaj filoj!

## EN UNU MINUTO...

En la daŭro de unu minuto naskiĝas en la mondo 80 infanoj, proksimume. Dum la sama tempo, preskaŭ simila nombro da personoj mortas. En unu minuto, laŭ vigla troto, la ĉevalo trakuras 836 metrojn; kaj la homo, laŭ rapida paŝo, 112 metrojn.

—Mi disponas nur je dek minutoj, kaj mi ne scias kiel komenci, diris oratoro.

—Komencu, kvazaŭ en la naŭa minuto! Sprite konsilis aŭskultanto.

EN LA ROMANOJ KAJ EN LA NOVELOJ ONI POVAS FARI POEZION PER LA MIZERO; SED, TUTE NE EN LA REALO! *Jacinto Benavente*

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● FRANCIA.—«Touring Club de France» (65, Avenue de la Grande Armée - París 16) ha iniciado un curso de Esperanto para sus socios aficionados a las prácticas de «camping», con motivo de que «International Camping Club» ha adoptado la lengua auxiliar para sus campamentos internacionales, como único idioma neutral de intercomprensión.

● BELGICA.—Del 4 al 11 de Agosto, en «Le Moulin de Chevlipont» junto a la Abadía de Villers-la-Ville, tuvo lugar una acampada organizada por los cadetes de la Cruz Roja belga, con carácter internacional y bajo el signo del Esperanto, como idioma de común relación. Esta acampada por su éxito deberá repetirse y ampliarse en años sucesivos.

● ITALIA.—En la «Reunión Internacional de Taquigrafía», celebrada en Lugano, el señor Herman Gilomen, oficial de Juzgado en Berna (Suiza), ganó el concurso taquigráfico, habiendo desarrollado su ejercicio en ocho idiomas diferentes, entre ellos el Esperanto.

● ALEMANIA.—Al «36 Congreso Universal de U. E. A.», celebrado recientemente en Munich, asistieron 2.000 personas de 39 países diferentes, quienes no tuvieron inconveniente alguno para entenderse por medio del Esperanto, sin necesidad alguna de intérpretes ni sistemas de traducción múltiple simultánea, tan de moda hoy, como medio de emplear gente y producir gastos. En el «Concurso de Oradores» que tuvo lugar durante dicho Congreso, uno de los premiados fue el niño de 13 años N. Minnaja, de Roma. En el «23 Congreso Internacional de Esperantistas Católicos» se adoptó la resolución de trabajar por la introducción de la enseñanza de la lengua auxiliar en los Seminarios. En Munich, con motivo del Congreso Universal ha sido rotulada con el nombre de «Esperanto-Platz» una importante y céntrica vía de la población, cruce de las más importantes calles de la ciudad.

● SUECIA.—Al «24 Congreso Internacional de S. A. T.» celebrado a primeros de Agosto en Estocolmo, la hermosa capital sueca, asistieron 584 personas de 12 países diferentes.

● ESTADOS UNIDOS.—El 41 Congreso Nacional de «Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko» ha sido tema de artículos en los diarios de Nebraska, Minnesota, Illinois y New-York.

«The Spencer Dayl Reporter» se ha hecho eco de la audición, por la emisión francesa de «La Voz de América», de la charla del doctor Solzbacher sobre la lengua auxiliar Esperanto como idioma para las relaciones internacionales. La emisora WEIM, de Fitchburg (Massachussets), radió el 12 de Junio una interesante emisión sobre este mismo tema.

● URUGUAY.—«Anales de Instrucción Primaria» revista oficial de la Dirección de Enseñanza Primaria y Normal, se hace eco de la traducción al Esperanto de «Ariel», la obra maestra de Enrique Rodó, por el profesor Manuel Fernández Menéndez, publicando un comentario y un fragmento de la obra a doble columna del original y su traducción.

● BRASIL.—Preparando el Congreso Brasileño de Esperanto, a celebrar en Recife (Pernambuco) el año 1952, «Diario de Pernambuco» publica un curso de la lengua internacional y «Radio PRA 8» también trasmite lecciones de Esperanto; igualmente, funciona un curso de la lengua auxiliar en la «Escuela Técnica de Comercio» de aquella población.

● GUATEMALA.—Bajo el patronato del Ministerio de Educación, en el local de la Oficina Nacional de Turismo, se inauguró la «1.ª Exposición de Material Esperantista», con gran asistencia de concurrentes que promete una gran difusión del idioma.

● JAPON.—En este país y por las clases intelectuales se sigue un amplio uso de la lengua auxiliar internacional. Continuando la serie de otros artículos ya reseñados, últimamente se han publicado resúmenes en Esperanto de artículos en el «Diario de la Sociedad de Bioquímica», en la «Revista de Botánica», en la «Revista de Anatomía» y en el «Boletín de la Sociedad Química del Japón». «Progress of Theoretical Physics» de Marzo-Abril 1951 publicó en Esperanto el artículo del Dr. Belinfante «Integro-kaŭzeco en konverĝa kvantumteorio de kampoj» y un resumen en Esperanto de un artículo en inglés de Tunemaru Usui.

En la Facultad de Agricultura de la Universidad de Nihon (Kuzisawa), cuatro de las tesis presentadas en Marzo para graduarse lo fueron en Esperanto, entre ellas «Pri izoelektra punkto de sojfaboproteino», de H. Iwanoto, y «Pri la apartigado de hemicelulozoj», de M. Osima y M. Negisi. Nuestra idea toma ya realidad, pues, en los centros superiores.

## NUESTRA ADHESION A UNIVERSALA ESPER

Como es sabido de los esperantistas, existe un organismo central, U. E. A. que rige nuestro movimiento del idioma internacional estamos obligados a prestarle nuestro apoyo moral y material A dicha Asocia mente. Nuestra FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA acaba de adherirse en bloque, por con pertenecen colectivamente a dicho organismo mundial. Nuestros socios no han de pagar nada por ello, pues la parte con que contribuimos a U. E. A. Nos complacemos en dar esta noticia a nuestros afiliados, ya que p central, rector del movimiento esperantista mundial. Hay que advertir, sin embargo, que los socios co U. E. A. Para ello, naturalmente, la adhesión tiene que ser individual y entonces reciben, según su ca



*Una vez más —un año más— el pueblo esperantista, en compacta manifestación de fé y de esperanza, con motivo del 36 Congreso Un la bella capital bávara. Cerca de dos mil delegados, procedentes de 40 naciones, empleando en sus deliberaciones un solo idioma, el E*

# INTER LA PROZO DE LA ESPERAN

En la pasinton mergiĝis la polvo magia de horoj kaj tagoj tre belaj! Kvazaŭ bildo nebula de sonĝo feliĉa, ia dolĉa impreso —pri la agrablaj travivaĵoj de la Hispana Kongreso—restas nun ankoraŭ en la imago kun la filmo de la festo, kiun, kvankam nerimarkite, mi ĉeestis en la pompo de ĉiuj solenaĵoj kaj en la vervo de ĉiuj debatoj, kie simpla membro rajtis admoni kaj plendi, same sincere kiel tiam, kiam li ŝatis aplaŭdi kaj laŭdi, ĉar homo ne alio estas ol homo, dum la naturaj reagoj de ĝojo-malĝojo aŭ de flegmo-malflegmo... Tamen, esperantisto estas homo kun larĝa kaj vasta tutmonda kompreno; kaj, ĝuste pro tio, eĉ en siaj pasiaj impetoj, ĝentile oni observas regulon de bonaj manieroj. Tion mi konstatis, kaj tion mi volas hodiaŭ publike laŭtigi, denove jam en mia propra medio, en ĉi tiu fora ideala anguleto, kaj milda pejzaĝo, kiu nun per velkantaj folioj tapiŝas la plankon por la blanka vizito de l' vintro. Sed... ho, pli afablan viziton antaŭe mi havis, en formo de freŝa bukedo da brile-brule ruĝaj rozoj kaj bonega torto, kun verdaj bantetoj, kiel surpriza donaco, kiun nederlanda cikonio, flugante, ĝis mia dometo, portis komisie de nordaj gefratoj, por rememorigi min, ke la peza kalkulo de mia aĝo surtera riĉiĝis per unu plia kalkulilo... Mi dankas do kaj dankas; kaj, por dece kaj danke honori la kukon, mi ĝin frande manĝis, kisante eĉ pej etan eron de tiu ambrozio. Kaj, kvazaŭ manao pluvinta el la ĉielo, apartan kuraĝon kaj forton ĝi donis al mi, por tuj entrepreni la taskon legi kaj raporti pri la dika staplo da multaj gazetoj, daŭre venintaj dum mia foresto.

Jam de multa tempo, la kolegoj de la ekstrema Oriento ne aperis en mia rubriko. Nu, ili estu hodiaŭ en honora kaj preskaŭ unika loko: LA REVUO ORIENTA digne prezidas la delegitaron; kiel ĉiam, ĝia sobra kaj tamen tre plaĉa prezento logas la rigardon de ĉiu serioza okcidenta samideano, havanta per ĝi valoran rimedon por montri la aŭtentikan tutmondecon de nia lingvo kaj ĝian korektan kaj sciencan aplikon en la ĉarma lando de la krizantemoj. La gramatikaj temoj okupas la ĉefan spacon; kaj la koncernaj klarigoj, tra la ekzameno de treege kompetentaj japanaj profesoroj, estas certe pli utilaj por eŭropanoj ol por japanoj mem. Admiron kaj dankon do nur al la utile persista laboro de Japana Esperanto-Instituto. Jen sekvas alia titolo: OOMOTO, ĝi estas ege ĉarma floreto, venkinta la unuajn frostojn. Tre riĉe ilustrita, per mildaj karesaj ilustroj, ĝi estas paco ne nur por la spirito, sed ankaŭ por la okuloj. La pura doktrino de ĝia homama principo estas gaja kaj serena, kiel rivereto fluanta tra ebena paŝtejo. Kiel viglaj birdetoj en nesto, pliaj titoloj pepas por atentigi min pri sia vico; jen ia rapida skizo pri ili: SAMIDEANO, progresema organo

todo el mundo. Así pues, todos los partidarios se puede pertenecer individual o colectivaiente, desde ahora, todos nuestros miembros ue la cotización a nuestra Federación incluye necen también al mismo tiempo al organismo ivos no reciben ningún servicio directo de ría, las diversas publicaciones que se editan



*ıl de Esperanto, se reunió este verano último en Múnich, nto, demostraron la verdad de todas sus afirmaciones*

# STA GAZETARO

de Societo de Esperanto-Amikoj, prezentas elektitajn literaturajn pecojn, kun zorga arangô, tiel karakterize japana. Montras sin LA HORIZONTO eldono de Agrokultura Fakultato en Nihon-Universitato; bonegajn studojn ĝi prezentas en sia fako. Speciale interesa estas, por valenciaj geamikoj, la artikolo «Kian parton de orango prefere vi manĝas?» kiu meritas represon en nia bulteno. Mi influos ĉe la redaktoro por tio. NIA KULTURO estas simpatia folio de Sana kaj Feliĉa Societo, en la grava urbo Osaka. Kiel specimenon de ĝia celado, mi pinĉas el ĝia sukoplena konstanta rubriko «La Fenestro» tiun jenan frazon: «Ne venos mondpaco, se la homoj tro fidas al la povo de la homoj mem!». LA VERDA URBO, de la Klubo de Sendai, pruvas la eblojn de societa informilo, kiam kapablo gvidas la aferon. Mi dankas la afablan mencion pri mia lasta recenzo al tiu revueto. VERDA TERO, organo de vigla medicina klubo ĉe Tohoku-Universitato, scias lerte kombini soriozajn temojn kun tute facilaj kaj spritaj komentoj. Kaj per KITANO, folieto de Esperanto-rondo, ĉe samnoma alta Lernejo, finiĝas la brila parado de la japanaj kolegoj. La vasta amplekso de la ĉina teritorio, kiel fekunda kampo de ties malnovega kulturo, estas larĝe malfermita al nia kara lingvo. POPOLA MONDO, nova organo de ĉina Esperanto-Ligo, aliĝis al la «poŝismo»; kaj trafe por la verko de Zamenhof, oni klarigas gramatikajn demandojn per densaj kolonoj da tiuj kuriozaj kaj belaj komplikajoj de la ideografia skribo. EL POPOLA ĈINIO, la informa bulteno, eldonata de Fremdlingva Eldonejo, aspektas kiel ĉiutaga ĵurnalo. Survoje al la sudo, image mi haltas en Nov-Zelando, paradiza insulo kaj antipodo de la hispanoj. Ĝia kuriero estas NEW ZEALAND ESPERANTIST, tre agrabla folieto, kiu raportas pri vojaĝo de S-ino Patricia De Cleene al Eŭropo; mi ĵus scias, ke ŝi jam faris viziton al kelkaj hispanaj rondoj, kien ŝi enblovis la ĉarmon de sia sprito kaj simpatio. LA RONDO, voĉportanto de la Aŭstralia Asocio, ĉiam estas kontente akceptata pro la sana humoro, kiun disradias ĝiaj paĝoj. En unu el ili, oni laŭde skribas pri la «bona evoluo de la hispana movado, kiu, sub gvidado de lertaj samideanoj, nun bone progresas». De Oceanio ĝis Ameriko, tra la Pacifico, estas longa distanco, sed por esperantisto la distanco ne multe gravas. Jen, dolĉaj kadencoj de tangoj avertas pri la sorĉo de Argentinio, la tiel multe kara lando, kie tiel multe da bonaj geamikoj troviĝas. Mi kvitancas la ricevon de ilia BULTENO, kiu rangas ĉe ni, kiel fingro de sama mano.

Pro manko de spaco, mi profitas la metaforon; kaj, svingante la manon, antaŭ vi ĉiuj, en amika gesto de malnova konato, kiu jam scias viajn virtojn, adiaŭas vin ĝis venonta babilo — LA LEGEMA KOBOLDETO

# HISPANA KRONIKO

**BARCELONO.**—En la kultura fako de societo «Unión Cooperativa Barcelonesa» fondiĝis tre sukcese esperantista grupo kun la celo disvastigi nian lingvon en la kvartalo, kie ĝi sidas, daŭrigante la laboron de iama grupo «Barcelona Stelo».

**TARRASA.**—Post la kongreso, la esperantista vivo fariĝas pli kaj pli intensa. Kun pli ol kvindek gelernantoj, funkcias nun tri kursoj; unu el ili por aktivaj praktikoj. Pasintan monaton, belga samideanino Regina Lecat vizitis la urbon kaj faris bonegan prelegon, pri la kurioza temo «La Mistera Egiptujo», antaŭ granda aŭdantaro. Oni regalis ŝin per bela florbukedo kaj lunĉo. La urba esperantistaro faris ekskurson per aŭtobuso al la keloj «Lincon» de San Sadurní de Noya, kie oni fabrikas la ĉampanon «Verda Stelo». Niaj samideanoj estis afable akceptataj kaj invitataj gustumi la saŭmantan vinon, kiu garnis la tablojn dum la pasinta kongresa bankedo.

**SARDAÑOLA.** Sukcesa estis la unua oficiala ago de la ĵus fondita Esperanto-Grupo; okaze de la ĉefa festo en Ripollet, kiu kune kun Sardañola estas kvazaŭ unu sola urbo, niaj tieaj geamikoj organizis interesan ekspozicion, kiu estis multenombre vizitata; oni malfermis ĝin per diversaj prelegoj, inter kiuj elstaris tiu de J. Viladoms, el Sabadell, pri la temo «Nuntempa stato de Esperanto kaj ties avantaĝoj».

**BADAJOZ.**—En tiu ekstremadura urbo, proksima al la portugala landlimo, funkcias kurseto kun ok lernantoj. La sciigo estas interesa, ĉar tie ekzistis nek signo pri nia movado. Sed, pro aliĝo de samideano Santillana, la afero ekmarŝas; kaj oni povas atendi bonajn rezultojn, kiuj certe multe influos en la tuta okcidenta regiono.

**TABERNES DE VALLDIGNA.**—Nia entuziasma amiko Salvador Martínez, troviĝas nun en sia medio diligente gvidante kurson kaj preparante la fondiĝon de grupeto en tiu grava urbo de la Valencia provinco, vigle kaj diligente vekiĝinta al nia afero.

## ZARAGOZA RAPORTO

En la ejo de nia grupo «Frateco» jam funkcias la kursoj por progresantoj kaj novuloj, kiel efektiva rezultato de la penado de kursgvidantoj dum la pasinta kursjaro. Ni povas diri, ke ni ne malsukcesis, ĉar 12 lernantoj el antaŭa elementa kurso ĉeestas nun en la perfektiga, kiel efektivaj membroj de la esperanta familio. Pasintan monaton, kun granda partopreno, okazis festeto por raporti pri la konkludoj de la Kongreso en Tarrasa. La aŭskultantoj gape kaj envie aŭdis la babilojn kaj promesis al si forte klopodi por veturi venontjare al Valencio. S-no Marqueta, kiel vic-prezidanto, parolis pri la idealistaj kaj praktikaj aspektoj de nia movado. Lia elokventeco injektis pli da fervoro kaj entuziasmo al ĉiuj. Esperanta patrolo faris sportan marŝon de orientiĝo sur monto, dum senluma nokto; post sep horoj, marŝante tra montoj sub pluvado, oni atingis la celon, kun tre bonaj rezultoj pri tempo kaj marŝo. La patrolo trafis sian celon, je la 5ª matene, kantante... «La Espero». En la lasta ĝenerala monata kunveno, oni havis la plezuron aŭdi la voĉon de D-ro Zamenhof, per gramofono. Pro sia edziĝo, kun zaragoza samideanino, loĝas nun en nia urbo la kara pioniro S-ro Máñez, kiu en nia rondo trovis similan familian medion al tiu, kiun li lasis en Cheste.

**SALVADOR MORALES (Zaragozo)**

## NEKROLOGO

D-ro Ramon Torres-Carreres, la granda subtenanto de nia afero, eminenta barcelona radiologo, fervora kataluna samideano, konstanta kongresano de la Universalaj, forpasis la 4. de Septembro 1951. Li estis 72-jaraĝa kaj daŭre batalis por Esperanto, kvazaŭ entuziasma junulo. Lastatempe, okaze de la hispana Kongreso en Tarrasa, liaj klopodoj ebligis en Barcelono gravan kuracistan kunvenon, kiun li partoprenis, kun aliaj kolegoj el Valencio, per gravaj referatoj en Esperanto, pruvante al ĉeestantoj la taŭgecon de nia lingvo por teknikaj temoj. Li ŝategis konstatigi, ke li estis plej fervora adepto, ĉiumomente, por Esperanto, kaj plej helpema amiko por la samideanoj; li kaj lia konsultejo kaj lia hejmo estis ĉiam prete sindonaj al samideanoj vizitantaj Barcelonon. Pace ripozu nia kataluna veterano, kaj lia familio akceptu nian sinceregan kondolencon!

**DELFI DALMAU (Barcelono)**

# Ricevitaj Libroj

**LA MONDO NE HAVAS ATENDEJON.** - *Dramo en tri aktoj de Maurits Dekker, tradukis el la nederlanda lingvo F. Faulhaber, sub kontrolo de Literatura Komitato de S. A. T. 80 p. Formato: 13'5 x 21 cm. Fotografe ilustrita.* **Prezo: 0'70 dolaro.** *Eldonita de S. A. T. kun financa helpo de F.L.E. okaze de la 40-jara jubileo de tiu Asocio.*

Havebla en S. A. T. 67 Avenue Gambetta - Paris - 20 (Francio)

Sub la angoro kaj teruraj minacoj de nia epoko, kiam, je la servo de militaj bezonoj, preskaŭ ĉiuj eltrovoj de la scienco celas nur pereon kaj detruon, malmulte da literaturo aperas por malkovri al la ĝenerala publiko la sintenon kaj reagojn de tiuj sciencistoj, de tiuj misteraj multsciuloj, kiuj, kvazaŭ ne apartenantaj al la homa speco, streĉe laborantaj super retortoj kaj formuloj, ŝajne atentas nur al la sukceso de siaj teorioj pri ege danĝeraj fortoj; ne konsciante, ĉu sukceso en tiu direkto ne signifas ankaŭ ekstermon de la vivo. Pensante pri tiaj «geniuloj», ofte ja la simpla homo —rekte minacata estaĵo hezitas kredi, ke ili konsistas el karno kaj ostoj, ĉar se oni multe laŭtas pri iliaj verkoj, kiel scienculoj, same multe oni silentas pri iliaj intimaj opinioj, kiel homoj. Nu, Maurits Dekker, aŭdaca nederlanda aŭtoro, levas la kurtenon kaj prezentas, en la tri aktoj de sia nuntempa dramo, la spiritajn problemojn kaj eĉ la familiajn konfliktojn de kelkaj el tiuj modernaj sorĉistoj: Maljuna profesoro kaj lia filo, juna doktoro, laboras pri ege detrua potenco fantazie nomata Piradiumo; al la patro, pura scienculo, interesas nur la teknikaj sekvoj de lia eltrovo; sed la filo, sentema persono, pensas pri aliaj sekvoj de tiu materialo, en kies ellaborado li partoprenas. Difekto en la reguliga aparato minacas subite okazigi eksplodon, kiu mortigos milojn da laborantoj en la fabriko. Tamen, ripari la difekton en la kirasita ĉambro havas la efektivan danĝeron de malrapida morto per Gamma-radioj. Premanta estas la dilemo! La juna doktoro ne hezitas, dirante: «Unu povas savi la vivon de miloj!» li eniras en la kameron. La katastrofo ne okazas, la junulo fariĝas popola heroo kaj... nekuracebla malsanulo. Nur tiam, la patro meditas pri moralo kaj ne tiom pri teoremoj. Fine, antaŭ la suferanta viktimo kaj la reprezentanto de la registara komisiono, forte li reagas; kaj, disŝirante valoran raporton, li plenumas la decidon de sia konscienco, kiu plej inde vekiĝas. Jen estas la rapida resumo de ĉi tiu tre aktuala teatraĵo, de kiu aperis jam tradukoj en sveda, dana kaj hebrea lingvoj. Tial, do, varme salutinda estas la esperanta eldono, kiu bele kaj zorge presita, kun granda portreto de la aŭtoro kaj ornamo de bonegaj bildoj, sur bona papero, meritas lokon en la biblioteko de ĉiu samideano, ne nur jam pro la sukoplena enhavo, sed ankaŭ pro la arta traduko de F. Faulhaber, la laborista Esperanto-stilisto, kiu tiel mirinde sukcesis solvi la problemon, tiel ĉarme fasoni la lingvon, ke lia malfacila tasko tuj aspektas, unuavide, kvazaŭ tre facila afero. Tamen, ĉi tiu «facileco» estas supera kvalito, atingebla nur de malmultaj elektitoj, inter kiuj S-ro Faulhaber honorloke rajtas sidi.

Sekve, dank' al lia talento kaj al la agemo de S. A. T. en kunlaboro kun frata nederlanda asocio, la universala demando, kiun la aktuala verko prezentas, estas nun ankaŭ montrebla en la universala lingvo, ĉar —laŭ teksto sur faldaĵo de la dukolora kovrilo— «ĉiuj niaj samcelanoj sendube aplaŭdos, ke la aŭtoro igis ĝin traduki en Esperanton, tial ke lia homeca mesaĝo, per tio, pli vaste diskoniĝos. Ĝi estas mesaĝo kiu ne povas ne tuŝi nin, ĉar ĝi koncernas nin persone».

LUIS HERNANDEZ

---

**OOMOTO, organo de Universala Homama Asocio.** *Adreso: Kameoka, Kioto-hu, Japanio. Abonebla en Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando.* **Jarkotizo: 22'00 Steloj.**

Antaŭ ne longe atingis nin eksterordinara numero de ĉi tiu gazeto, speciale dediĉita al Arto kaj Religio. Estas vera plezuro legi ĝin, eĉ se oni ne konsentas kun la ideo de Onisabro Deguĉi, fondinto de la Oomoto-movado. La numero, kiun mi recenzas, montras sur tre bonkvalita papero mirinde belajn fotografaĵojn pri artaj kreitaĵoj de O. Deguĉi, inter kiuj troviĝas ĉarmaj diverskoloraj tetasoj. Ne malpli belaj estas la konceptoj esprimitaj en la artikoloj, instruantaj al ni, ke Arto kaj Religio estas nedisigeblaj. Jen frazo de O. Deguĉi pri tio: «Arto estas la patrino de Religio». Alia interesa rubriko de nia orienta kolego estas tiu sub titolo «El Notlibro Esperantista» majstre zorgita de Teruo Mikami, kiu per subtila bonhumoro, tipe japana, prezentas al la esperantistaro instruajn legindaĵojn. Resume, OOMOTO estas elmontro de la milda delikateco de la japana spirito, kaj ĝi detruos multajn antaŭjuĝojn ekzistantajn en Eŭropo pri tiu progresema popolo.

J. JUAN FORNÉ

---

**La sola elmontro de unu esperanta libro povas esti decida argumento!**

# ☆ LA LERNEJO

**PRILINGVA RUBRIKO**

Samideano E. H. demandas al mi, ĉu la poseda korelativo **ties** povas esti uzata anstataŭ la poseda pronomo **sia**. Li diras, ke li prefere uzus **ties**, ĉar li havas multfoje dubojn pri la ĝusta uzado de **sia**. Mi tre bedaŭras ne povi komplezi lin, havigante al li facilan solvon de lia problemo kaj li devos lerni kun pacienco la manieron uzi korekte la pronomon **sia**. **Ties** povas esti subjekto en propozicio, kio neniam okazas al **sia**, kaj mi neniam vidis ĝin uzata kiel rilatanta al la subjekto, sed al la komplemento. Kontraŭe, **sia** ĉiam rilatas al la subjekto. Por pli kona kompreno, jen mi montras kelkajn ekzemplojn: Petro venis kun sia advokato kaj ties filo; la instruisto kunvokis siajn lernantojn kun ties lernolibroj; virinoj taksas kaj prijuĝas virojn laŭ ties konduto.

**JUAN BOSCH**

## UNUECO ESTAS FORTO!

*Por la plej rapida disvastigado de Esperanto en nia lando, por stimulo, organizo, ordo kaj seriozeco, konvenas, ke la kursgvidantoj informu nin pri dato de malfermo de kurso, loko, nombro da lernantoj, metodo, irado, fino, rezultoj k. t. p. Tiel, la hispanaj esperantistoj estos regule informataj pri tiu grava kaj fundamenta flanko de nia movado.*

En Barcelono funkcias nun kursoj en:
Cooperativa de Tejedores a Mano - Teruel, 16
Cooperativa Paz y Justicia - Pedro IV, 128
Unión Cooperativa Barcelonesa - Urgel, 176
Organización Nacional de Ciegos - Ancha, 2



## PARA NUESTRO BOLETIN

**(Donativos correspondientes a OCTUBRE 1951)**

| | |
|---|---|
| **Suma anterior** | **2.542 Ptas.** |
| Esperanto-Fako Juventud Tarrasense | 500 » |
| José Tallón (San Roque) | 10 » |
| Isauro Alvarez (Madrid) | 25 » |
| Ernesto Hurtado (Valencia) | 5 » |
| Juan Bosch (Valencia) | 100 » |
| Manuel Vives (Moyá) | 10 » |
| Antonio Pastor (Bilbao) | 41 » |
| Vidal Fernández (Barcelona) | 15 » |
| Juan Ibern (San Adrián del Besós) | 5 » |
| Ramón Molera (Moyá) | 3 » |
| Antonio Marco (Zaragoza) | 10 » |
| Luis Santamarina (Madrid) | 10 » |
| **Total** | **3.276 »** |

**¡Animo y adelante, para vencer la difícil etapa de los meses finales del año! ¡Que no se diga...!**

## Universala Esperanto - Asocio

Novaj kotizoj por la jaro 1952a

| | |
|---|---|
| Membreco kun Jarlibro | 35 pesetoj |
| Membreco kun Jarlibro kaj gazeto "Esperanto" | 100 » |
| Membro - subtenanto | 125 » |
| Nura abono al la gazeto "Esperanto" | 75 » |

Bonvolu tuj anonci vian aliĝon aŭ realiĝon al la ĉefdelegito

**S-ro DELFI DALMAU ::: Lauria, 98 - BARCELONO**

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

Niaj grupanoj (medicinaj studentoj, flegistinoj, gimnazianoj k. a.) dez. koresp. kaj interŝanĝi poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn.

Esperanto - Instituto de Medicina Fakultato
NIIGATA-IKA-DAIGAKU
ASAHIMATI - 1 NIIGATA-ŜI (JAPANIO)

S-ro TERUO NAKASUĴI, Mits-Tyo, Ibo-Gun, Hyogo-Ken (Japanio), dez. koresp. kun aktivaj hispanaj esperantistoj. Laŭ komisio de la urbestro «KAMEĴI YAO». Oni dez. koresp. kaj interŝanĝi mesaĝojn de ĉiaj kulturaj kampoj, ilustraĵojn kaj esperantaĵojn por ekspozicio.

STEFAN ILIEF, en Tirnovsko (Bulgario) dez. intersanĝi poŝtmarkojn kaj ilustritajn poŝtkartojn kun hispanaj gejunuloj.

S-ro SEDLON FRIEDRICH, Gansterergasse, 15 Wien 16 (Aŭstrio), deziras korespondi kun hispan(in)oj 18-30 jaraĝaj.

MAURICE DEMOL kaj edzino, Torhoutsteenweg, SAINT ADRIES (Brugge), Belglando, deziras korespondi kun hispanaj geedzoj, kun celo interŝanĝi feriojn de unu aŭ du semajnoj dum iu venonta somero.

La Esperanto-Grupo de Andoro kunvenas lunde, merkrede kaj sabate ĉiusemajne, je la 10-a vespere, ĉe kafejo LA GLORIA **en Sant Julià de Loria (Andorra)**

## FARU KOREKTON!

En la pasintan numeron enŝoviĝis tri diabletoj en formo de tri nepre korektindaj preseraroj: Ne akvokatoj, sed advokatoj, ĉeestis la Kongreson. Tarrasa produktas abunde karobojn, sed ne karotojn. Kaj, helpante per gratuloj, sendu poŝtkartojn anstataŭ poŝkartojn. Ĉu komprenite?...

## ¡ATENCION!

*Nos comunican de Tarrasa que aun siguen guardando allí la perrita extraviada durante el Congreso. ¿Quien puede o quiere reclamarla? Dirigirse a: V. ARIS - Arquímides, 83 - Tarrasa (Barcelona).*

Cantos Hnos., Impr.-Valencia - Tel. 30444